# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VI N.° 6 (66) JUNIO, 1954

## NUESTRA LITERATURA

Con razón dijo un filósofo que la producción literaria de un pueblo es como la savia de su vida, y que una nación con literatura propia es inmortal. Y así, incluso, han nacido, como quien dice de la nada, naciones, de una manera insospechada, que han encontrado durante siglos y siglos, en su riqueza literaria, en sus cantos y en sus plegarias, el único motivo de su fuerza nacional y el impulso que les ha merecido salir de la opresión. Desde los albores de la reconquista, y podríamos decir, precediendo a Don Pelayo, las trovas y las cantigas alentaron el espíritu de la lucha contra el sarraceno invasor. Por lo mismo, se puede afirmar que el bardo ha precedido y preparado el terreno para que el héroe enarbolara el pendón liberador.

Aunque, a fuer de viejos, estamos acostumbrados a desconfiar de las máximas y sentencias que predicen el porvenir, y ya nos hemos hecho a oír con frecuencia: «Es la primera vez, en la Historia, que tales cosas ocurren»; no podemos menos, como esperantistas, que aceptar con gozo esa seguridad que nos concede el filósofo, al afirmarnos un triunfo seguro, ya que el Esperanto es un idioma con brillante aunque no larga historia, incalculable tesoro literario, en prosa y en verso, y, esto es lo más valioso, un espíritu literario, creador inagotable de lo que podríamos llamar «alma» de un pueblo, aunque en realidad no sea mas que la expresión, hablada o escrita, de esa misma alma colectiva.

Y sobre ser relativamente poco numeroso, con relación a las masas nacionales, el cómputo de los esperantistas, desde que existe el idioma auxiliar, la suma de sus obras literarias, originales o traducciones de obras maestras de la literatura mundial, vá tomando el ritmo de una progresión geométrica,

B O L E T I N
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
VALENCIA
Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Adresoj de la Federacio
Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej - horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De la 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 40 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 75 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.º - VALENCIA






## FEDERACIAJ KOMUNIKOJ

Estas nepra postulo, ke kiel eble plej multaj samideanoj posedu la titolon de «Kapabla Esperantisto», ne nur por povi en la necesa momento montri al la eksteruloj, ke nia movado havas kompetentajn lingvouzantojn, sed ankaŭ pro tio, ke se ni estimas nian lingvon, ni devas tion pruvi ellernante ĝin. Kian respekton al la internacilingva afero ni montras, se ni daŭre ne estas pli ol eternaj komencantoj? Al la ekzamenoj ĉe nia venonta Kongreso devos sin prezenti ĉiuj samideanoj ne posedantaj ian titolon pri lingva kompetento; sed, atentu, ili devas prezentiĝi kun sufiĉe da konoj por sukcesi kaj ricevi la titolon. Ni ne vidas alian vojon por koni profunde la lingvon ol la legado de esperantaj verkoj. Pri ili nia Libroservo povas provizi por ĉies gusto, ĉar nia verkaro konsistas el pure literaturaj --prozaj kaj versaj--, privojaĝaj, teatraj, amuzaj kaj priaventuraj libroj. Ju pli da libroj ni legos, des pli bonaj esperantoparolantoj ni estos. Do, legu kiel eble plej multe, kaj sentime prezentu vin al la ekzamenoj de la Kongreso por atingi la ŝatatan titolon.

hasta el punto que, para un esperantista, resulta ya casi imposible enterarse de cuanto quiere, puesto que no hay ya posibilidad de leer mas que contadas revistas y algún que otro libro, entre los muchos que incesantemente están apareciendo.

Como cada época literaria, la actual producción de la literatura esperantista tiene un signo, que podría parecer paradógico a quien conozca superficialmente, o torcidamente, los fines del movimiento esperantista, que, al fin y al cabo, propende al establecimiento de lazos más íntimos entre las diversas naciones, mediante un idioma común. La característica de la producción literaria en el idioma auxiliar es sin embargo netamente el exponente del espíritu nacional del país en que se ha editado la obra. En efecto, en cada país no solamente se ha traducido la obra que más reciamente presenta la característica nacional, sino que las obras escritas originalmente en Esperanto tienen también el mismo carácter típicamente nacional. Y así, cada país vá dejando, en su producción literaria esperantista, lo mejor y más característico de su alma, de su raza, de su cultura, sin desleír, en el idioma común, la esencia constitutiva de su enjundia nacional. Con ello, la literatura en Esperanto lleva a países extranjeros los temas de diversos países, sin pasar por el servilismo de usar un idioma de otra nación, que, a lo mejor, se presta poco a interpretar los matices del pensamiento. El Esperanto ha demostrado, en la Sorbonne, estar a la altura de los idiomas más flexibles y ser el más fiel para traducir la idea de un autor. No es esta una ventaja despreciable, y que ahorraría a muchos autores las ganas de proferir la frase italiana, ya conocida: «Traduttore... traditore!»

*Dr. Rafael Herrero, por «Radio Alerta», de Valencia.*

# KALEJDOSKOPO

## Rigardo al la Esperanto-gazetaro

### PORKO KAJ PERLO

Iam vivis esperantisto, kiun malĝojigis la forlasemo de la samideanoj. Li rimarkadis, kiel facilanime oni aliĝis al la loka grupo, restis unu-du jarojn kaj baldaŭ defalis. «Mankas», li pensis, «konkretaj, videblaj aferoj al kiuj oni povas ligi sian entuziasmon, esperon kaj fidon». Li ŝatis sin kiel praktikulon, do elpensis planon kaj komencis fari—grandan kolekton de relikvoj. Plenajn librojn kaj, aparte, belliteraturon li rigore ignoris, ĉar li jam rimarkis, ke nur unu el dek esperantistoj aĉetas tiajn librojn kaj unu el cent legas ilin. Flugfoliojn li singarde allasis, kondiĉe, ke ili konsistu el grandaj bildoj kun nur unu-du grandliteraj vortoj.

«Mia kolekto estu tia, ke ĉiu ĝia ero parolu senpere al la koro de ĉiu rigardanto. Flago uzita ĉe iu esperanta solenaĵo, ekzemple, ne postulas profundan scion de Esperanto, sed rekte inspiras la imagon de ĉiuj senescepte». Li kolektis kongresinsignojn, glumarkojn, stelojn, reklamilojn kaj ĉiajn fotografaĵojn iel rilatantajn al la lingvo. Li havigis al si peceton de ĉiu Zamenhof-monumento en la mondo kaj de ĉiu Zamenhof-strato, sangmakulitan pecon de la vesto de iu eminenta esperantisto mortigita en vojakcidento, martelojn prezidantajn uzitajn de iuj forvelkintaj societoj, herbotufon de sur la tombo de la Majstro—prosperis al li eĉ, aĉeti je granda kosto kelkajn kapharojn de sur la verto de Zamenhof, rikoltitajn, kiel certigis al li la vendanto, en la kvindeka jaro de vivo.

La loka grupo iom superece rigardis lin kaj lian unikan laboron sed li malatentis la ridetojn kaj daŭrigis la klopodadon. Li korespondis kun ĉiu angulo de la mondo. Li turmentis la tutan Delegitaron de U. E. A. per sia petado; lia kolektaĵo kreskis. Ĉiaj vazoj, ŝrankoj, mebloj, sublitejoj, subtegmentejo—unuvorte, ĉiu ebla kubmilimetro, estis utiligitaj por teni la ĉiam amasiĝantan trezoraron. Specimenoj kuŝis dike sur bretoj, sterniĝis dense sur la plankoj, staris abunde en la anguloj, kovris aĵure la murojn kaj ŝvebis pende de la plafono. Li ne plu havis tempon ĉeestadi la kunvenojn de la grupo kaj apenaŭ rimarkis kiel ĝi, kun la forpaso de la jaroj malvigliĝis, staguis kaj mortis tiel ke, en tiu tuta distrikto, Esperanto estis absolute forgesita de indiferenta publiko. Kun modela obstino li trankvile iris sian vojon—aŭ, pli precize, plenigis sian domon. Se iu radiostacio elsendis nur mencion pri la kara lingvo, li tuj alskribis petegante memorigilon—pipon kiun fumis la parolinto antaŭ la elsendo, butonon de lia pantalono, aŭ similaĵon. Per tiu heroa agado li sukcesis kunrasti kolektegon de interesaĵoj kian envius Madam Tussaud aŭ Iaŝ Tajner.

Sed ho ve! kiun indulgas la morto? Kvankam nia relikvisto vivis tre modere; neniam drinkis aŭ amindumis; neniam trostreĉis la menson studante Plenajn Gramatikojn, aŭ lacigis la korpon vojaĝante al mondkongresoj, tamen iun tagon kiel alia Louis de Beaufront, nekonata kaj nedankata, li mortis, kaj la U. E. A.-Delegitoj ĝuis ripozon kian ili ne konis de antaŭ la invento de la ĉenletero. Ĉar li estis longe postvivinta ĉiujn parencojn kiuj povus subite memori pri la «kara familiano» centoble plikariĝinta post sia morto, tiel ke, ili nepre devus kuri eĉ de la mondofino por honori la mortinton kaj zorgi, ke lia havaĵo ne trafu en malĝustajn manojn—pro tio, oni vendis lian domon ĝuste kiel li lasis ĝin, al juna geedza paro.

Dum kelka tempo ili malĉeestis la monduman rondon de la urbo ĉar ili sin okupis enloĝante ĉe sia ĵusakirita adreso. Sed unu feliĉan tagon ĉio estis preta kaj la bela mastrino akceptis gastojn, kiuj ĝentile laŭdis ĉion en la nova hejmo. «Se vi povus esti ĝin vidintaj ĉe aĉeto!» krietis la ĉarmulino, kun okuloj kaj manoj levitaj en elokventa gesto, «Vi estus farintaj ĝuste kion mi faris—Mi tuj telefonis al la urba Stratpuriga Fako kaj kredu-ne-kredu, sed ili kunŝovelis kaj forportis tri ŝarĝaŭtojn da malpuraĵo!»

*Tom Fraser*, en «Esperanto en Skotlando»




# LA VOĈO DE L' KONGRESO

**XV-ª Hispana Kongreso de Esperanto**

**24 - 27 Julio 1954**

**Adreso de la Organiza Komitato:**
**Santa Isabel, 10 - ZARAGOZA**

*PRELEGOJ.* Daŭras la prelegoj, kiel propagando kaj por kutimigi la kursanojn al nia lingvo. La lasta okazis la 30-an de Aprilo en la Salono de Prelegoj de la Scienca Fakultato. Ĉeestis ĉirkaŭ 200 personoj. Prezidis S-ro Maynar Barnolas, S-ro Orós kaj D-ro De la Puente. La prelegisto estis S-ro A. Pedro Marqueta, kiu disertaciis pri Brazilo, lando kiun li antaŭ nelonge vizitis. Unue li parolis pri la historio de la lando kaj poste pri sia vojaĝo, kun priskribo pri la urboj Río de Janeiro kaj Sao Paulo, kaj la prelego estis ilustrata per belaj lumbildoj. Estis tre interesa kaj simpatia okazaĵo, kiu plaĉis la ĉeestantojn. La loka gazetaro publikigis raportojn, emfazante la intereson de la prelego kaj la utilon de la lingvo uzita: Esperanto.

*KONGRESAFIŜOJ.* La belaj afiŝoj de la Kongreso jam estas pretaj. Ili estas kvinkoloraj kaj tre okulfrapaj. Tre taŭga reklamilo por nia venonta Kunveno. Mendu ilin ĉe nia Organiza Komitato. Prezo: UNU peseto.

*POŜTKARTOJ.* Laŭ la nombro da mendoj, kiujn nia Komitato ricevadas ĉiutage, la Kongresaj Poŝtkartoj havis grandan sukceson. Samideanoj dezirantaj posedi kaj uzi ĉi tiujn allogajn poŝtkartojn ne hezitu mendi ilin tuj, ĉar nia stoko malgrandiĝas, kaj okaze de elĉerpiĝo estas tute neeble fari alian eldonon. Krome ankaŭ estas ankoraŭ livereblaj la ilustritaj poŝtkartoj pri Zaragoza kaj Monasterio de Piedra, kun klarigoj en Esperanto.

*EKSPOZICIO.* Kolektemaj samideanoj estas petataj alsendi materialon por nia Ekspozicio. Belaj ilustritaj poŝtkartoj, filatele afrankitaj kovertoj, libroj, gazetoj, ĉiaj esperantaĵoj estos bonvenaj kaj dankataj.

*KONGRESINSIGNO.* Erare ni asertis en nia antaŭa bulteno, ke nia kongresa isigno estas metala. Ni petas pardonon al la legantoj, ĉar ĝi ne estas metala sed kartona, kvankam tre bela. Presita ambaŭflanke, arĝentkolora.

*STATISTIKO.* Ĝis la 15-a de Majo alvenis 240 aliĝoj. Jen ilia klasigo, por eksterlandanoj laŭ landoj, kaj por hispanoj laŭ provincoj: Nederlando 5, Brazilo 1, Francujo 1, Portugalujo 1, Germanujo 1, Zaragoza 83, Barcelona 72, Valencia 35, Vizcaya 12, Guipúzcoa 6, Madrid 4, Tarragona 3, Lérida 2, Lugo 2, Oviedo 4, Canarias 1, Santander 1, Alicante 1, Pamplona 1, Gerona 1, Córdoba 1, Teruel 1, Palencia 1.

---

## EL DIRECTOR GENERAL DE LA UNESCO, EN ESPAÑA

**A mediados del pasado Mayo estuvo en Madrid el Director General de la Unesco, Doctor Luther H. Evans, para ponerse en contacto con las autoridades académicas e intelectuales de nuestro país. Con tal motivo, nuestra Federación le dirigió el siguiente mensaje telegráfico:**

**«Doctor Evans - Director General de la UNESCO - Madrid - La Federación Española de Esperanto, con motivo de su grata presencia en España le saluda respetuosamente y le desea feliz y fructífera estancia. — Doctor Llorens, Presidente».**

---

*Nia estimata kolego «Amerika Esperantisto» publikigis, tradukita en angla lingvo, la hispanlingvan prelegon de nia redakta kunlaboranto D-ro Rafael Herrero antaŭ la mikrofono de «Radio Alerta», de Valencia, kiun ni estis reproduktintaj frontartikole en nia numero de pasinta Februaro. Ni dankas al «Amerika Esperantisto» tian ĝentilecon.*

# HISPANA KRONIKO

*SABADELL.*—La aktiva samideanaro de ĉi tiu industria urbo organizas omaĝon al Pastro Marco Lliró, enkondukinto de la lingvo internacia en Sabadell. Pastro Marco Lliró estas profesoro en la Piaj Lernejoj, kaj en la programo de la festo estas ankaŭ la lokigo de memortabulo en tiuj Lernejoj, kiu rememorigos tiun gravan eventon, t. e. la enkonduko de nia lingvo fare de la eminenta profesoro. Por helpi en la propagando de Esperanto ĉe oficialaj medioj, oni petas bonvolu sendi gratul-leterojn aŭ prefere ilustritajn poŝtkartojn okaze de la omaĝfesto okazonta la 27-an de ĉi tiu monato. Adresu al la peranto: S-ro V. Hernández Llusera (por Pastro Marco Lliró), Avda. Ejército Español, 59, Sabadell. Korespondaĵoj alvenintaj postdate, ankaŭ efikos. Ni sendas al samideano Pastro Marco Lliró bondezirojn, gratulojn kaj dankon pro tiu semado produktinta la abundan kaj bonkvalitan rikolton, kiun la hispana movado tre fiere ĝuas en Sabadell.

*BARCELONA.*—Estas tre atentinda la laboro de niaj barcelonaj samideanoj. Kun la celo, ke ĉiu loka Grupo kunlaboru, oni kreis provizoran specialan komitaton, kun membroj de ĉiuj Grupo-estraroj. La elektita komitato konsistas el la jenaj gesamideanoj: Prezidanto, S-ro Miguel Fábregas (Provinca Delegito de H. E. F.); Vicprezidantoj, S-ro Paŭlo Claramunt (Stelo de Paco), S-ro José Gómez Ibars (Blindula Grupo), S-ro E. Moreno Medrano (Filatela Grupo) kaj S-ro Juan Viver (Katolika Grupo); Sekretario, S-ro José L. Aldeguer Jaén (Stelo de Paco); Vicsekretarioj, F-ino Marta García (Stelo de Paco), S-ro Jorge Fernández (Blindula Grupo), S-ro Evaristo Gil (Filatela Grupo) kaj F-ino María Jung (Katolika Grupo). La Komitato eldonos internan Informilon por la tuta anaro de la kunligitaj grupoj, kun speciala eldono en brajla sistemo por la Blindula Grupo. Oni interkonsentis subteni la elsendojn de Radio Unión, kiujn gvidas S-ro Juan Viver. S-ro Miguel Fábregas alvokis ĉiujn grupestrarojn unuigi la tutan barcelonan samideanaron en unu solan Centro-organizon, kvankam ĉiu Grupo konservos sian sendependon kaj memstaron. Estas dezirinde ke tiu unuiĝo okazu, ĉar unueco estas forto, kaj la rezultatoj de tiu komuna laboro estos certe pli gravaj ol per disa izola agado.

---

# VIVO SAMIDEANA

Al Gesamideanoj Rafael Gregori kaj Gloria Juana, en Foyos, Valencia, naskiĝis filino María Gloria.

Al Gesamideanoj Juan Antonio Morcillo kaj Dolores Cózar, en Godella, Valencia, naskiĝis filino Magdalena.

Al ambaŭ feliĉaj paroj ni sendas niajn plej korajn gratulojn, kaj esperas ke ili instruos nian karan lingvon al la etulinoj.

Al ges-anoj Ricardo Quiles kaj Adela Hoyo, en Valencia, San Vicente, 164, la 15-an de Majo naskiĝis filo Isidro José, kvara infano de ĉi tiu hispana esperantista paro. Ni ne admonas niajn fervorajn geamikojn esperantistigi siajn idojn, ĉar ili jam faras tion. Ges-roj Quiles, kiuj konatiĝis per Esperanto, rekomendas al la gesamideanoj edziĝi inter si kaj petas kontakton kun la gepatroj kiuj esperantistigas siajn gefilojn. Tiucele ni invitas la esperantistan gazetaron represi ĉi tiun sinceran gratulon, kiun ni esprimas al ĉi tiuj esperantistaj geedzoj, kiuj tiom abunde fekundigas nian grundon per Esperantaj semoj.

---

# FILATELA SEKCIO DE H. E. F.

Samideano Evaristo Gil, kiel gvidanto de ĉi tiu Sekcio, en kiu ankaŭ kunlaboras S-anoj Molera kaj Moreno, prezentis tiel belan materialon rilatan al Esperanto, en la Filatela Ekspozicio okazinta en Badalona, ke ĝi atingis la kvaran premion. Pro tiu sukceso ni gratulas S-anon Gil kaj liajn kunlaborantojn.

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendanta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 1-a de Julio.***

Sendis solvon de la Enigmo n.° 3, gesamideanoj M. A. Perles, S. Roca Rodó, A. Núñez, V. Monsalve, P. Naranjo kaj E. Miralles. Al ĉiu ni asignas poenton. Al S-ro Roca ni ankaŭ asignas poenton por lia solvo de la Enigmo n.° 1. Ankaŭ sendis solvon S-ro J. Silva, Lisbono, sed ni bedaŭras ne povi asigni al li poenton, ĉar li ne estas abonanto de nia bulteno.

**SOLVO DE LA ENIGMO N.° 3**

*Horizontale:* 1 Kapt, veti. 2 Adres, pedel. 3 Foino, etero. 4 Rodi, semo. 5 Ref, oro. 6 El, ni, ja, ve. 7 Lanc, niel. 8 Emi, nas, tre. 9 Ne, morta, ok. 10 Petiolo. 11 Fotosfero.

*Vertikale:* 1 Kaf, heleno. 2 Ador, lame. 3 Prior, ni, po. 4 Tendenc, met. 5 Soifi, noto. 6 Faris. 7 Pesoj, stof. 8 Veteran, ale. 9 Edemo, it, or. 10 Tero, vero. 11 Ilo, selekt.

**SOLVO DE LA ENIGMO N.° 4**

Virino venas kaj volas aĉeti tiujn bananojn ĉar ŝi akceptas la prezon: Du pesetojn po dekduo.

| Ni havas: Vendistoj: | 1 | 2 | 3 |
|---|---|---|---|
| Bananoj: | 30 | 40 | 50 |
| Dekduoj: | 2 | 3 | 4 |
| Pesetoj: | 4 | 6 | 8 |
| Restantaj bananoj: | 6 | 4 | 2 |

Alia virino alvenas kaj la fruktvendistoj komprenas ke ŝi pagos altan prezon. Ili akordas peseton po banano kaj efektive la virino akceptas, kaj ni sumas:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Unua vendo: | 4 | 6 | 8 |
| Dua vendo: | 6 | 4 | 2 |
| Pesetoj sume: | 10 | 10 | 10 |

ENIGMO N.° 8. Krucvorta enigmo, de Juan Devís. Malsupra figuro.

*Horizontale:* 1 Nerva kuntiro de muskoloj, (rad) socia sfero. 2 Efektive ekzistanta, (rad) pripensita procedaro. 3 (rad) Detala plibeligaĵo, plej elektitaro. 4 Interpunkcia signo, parto de spaco. 5 (rad) Ŝovi ion al si, lirika poemo. 6 Sufikso, pronomo, pronomo, plendo. 7 Devenanta el ŝafa hararo, (rad) fordoni. 8 (inv) Malgranda, (rad) militista ĉapo, sufikso esprimanta meriton. 9 Prefikso, (inv kaj rad) kolekto da grimpulaj birdoj, en iu loko. 10 (rad) Scienculo kiu studas lingvojn. 11 (rad) Biciklo kun malsamaj radoj.

*Vertikale:* 1 Pli ol sufiĉe, vortero. 2 (inv) Fari ion el nenio, difinita tago. 3 (rad) Promena plezura boato, interne de, (rad) fabela estaĵo. 4 (inv) Besto, (inv kaj rad) antikva korda muzikilo. 5 Sekse ami, loko en la manoj malmoliĝinta pro la frotado. 6 (rad) Mona profita entrepreno. 7 (rad) Granda sukplena frukto, puŝi. 8 Harmonio, (rad) grekortodoksa pastro. 9 Scienco pri la moralo, aĉa interjekcio, prefikso. 10 Havaĵo por la edziĝo, iri ĉi tien. 11 Posteulo, (rad) planko de ŝipo.

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | | | | | ■ | ■ | ■ | | | | |
| 2 | | | | | | ■ | | | | | |
| 3 | | | | | | ■ | | | | | |
| 4 | ■ | | | | | ■ | | | | | ■ |
| 5 | | ■ | | | | ■ | | | | ■ | |
| 6 | | | ■ | | | ■ | | | ■ | | |
| 7 | | | | | ■ | | ■ | | | | |
| 8 | | | | ■ | | | | ■ | | | |
| 9 | | | ■ | | | | | | ■ | | |
| 10 | | ■ | | | | | | | | ■ | |
| 11 | ■ | | | | | | | | | | ■ |

## LIBROSERVO DE H. E. F.

| | |
|---|---|
| **Gramática de Esperanto, F. Soler Valls.** | **15 pes.** |
| **Diccionario Esperanto-Español, Balech kaj Menéndez. . . . . . . .** | **20 »** |
| **Ivan la Sesa, Geraldo Mattos . . .** | **52 »** |
| **Judoj sen mono, Gold-Saville. . .** | **30 »** |
| **Ekspedicio Kon-Tiki, Heyerd.-Brynildsen** | **125 »** |
| **La normandaj rakontoj, Guy de Maupassant-Dupuis. . . . . . . .** | **115 »** |
| **Spiritaj Ekzercadoj, Sankta Ignacio de Loyola-Maynar. . . . . . . .** | **9 »** |

## LERNU TRADUKANTE

***Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj. Sendu la tradukojn al nia Redakcio.***

Ni ricevis tradukojn de la tasko de Aprilo, el jenaj gesamideanoj: S. Roca, M. A. Perles, J. Anguita, M. Vallés, E. E. Yelland, J. Devís, A. Criach, P. Criach, A. Urgellés, A. Escamilla, A. Núñez kaj V. Monsalve. Ni asignas al ĉiu po unu poento. Ĝenerale oni tradukis *álamo temblón* per ***tremanta poplo,*** sed la ĝusta traduko estas *tremolo* (ne *tremola poplo* kiel iu tradukis). Escepte de tio, la tradukoj estis bonaj, kaj ni sincere gratulas ĉiujn tradukintojn. En kelkaj tradukoj enŝoviĝis gramatikaj eraretoj; tamen ni ĉifoje ignoris ilin kaj taksis ĉiujn tradukojn korektaj. Sed ni avertas, ke oni konsultu la vortaron antaŭ ol forsendi siajn tradukojn kaj ke oni observu tre atente la regulojn pri la aplikado de la akuzativa «n», ĉar estonte ni rifuzos tradukojn kun gramatikaj eraroj kaj resendos kun indiko pri ili.

*Kaj nun, por ke oni komparu, ni kopias la pecon de la verko. Temas pri la romano «Patroj kaj Filoj», de Ivan Turgenjev, tradukita el la rusa originalo, de Kabe.*

Li rigardis ĉirkaŭen, kvazaŭ por kompreni, kiel oni povas ne simpatii kun la naturo. Jam proksimiĝis la vespero, la suno sin kaŝis post malgranda tremola arbaro, kreskanta duonan verston de la ĝardeno, kaj ĵetis senfinan ombron sur la senmovajn kampojn. Kamparano trote rajdis blankan ĉevalon sur malhela, mallarĝa vojeto ĉe la rando de la arbaro; kvankam li rajdis en la ombro, li estis tuta klare videbla; oni eĉ povis rimarki flikaĵon sur lia dorso. La sunaj radioj penetris en la arbaron kaj, traborante la densaĵon, verŝis sur la trunkojn de la tremoloj tiel varman lumon, ke ili fariĝis similaj al pinoj; iliaj folioj ŝajnis preskaŭ bluaj kaj super ili alte pendis la hele blua ĉielo, delikate borderita de la vesperruĝo. La hirundoj flugis alte; la vento eksilentis; malfruintaj abeloj malrapide kaj dorme zumis inter la siringaj floroj; kolono de muŝoj dancis super izolita branĉo etendita. Kiel bela estas ĉio ĉi, mia Dio!, pensis Nikolao.

***Kaj kiel nova tasko, ni daŭrigu kun la sama verko «Clara», de la hispana verkisto Francisco de Cossio, komencita en nia lasta numero:***

**De tal modo me arraigó esta costumbre de acudir corriendo cuando pasaba el coche de las colegialas, que los días festivos se me hacían interminables. El año se adaptó a esta curiosidad, y yo medía por ella el paso de las semanas y los meses. Durante las vacaciones, me invadía una nostalgia muy difícil de definir, que no se curaba hasta que de nuevo el coche hacía temblar la calle al trote largo de los caballos, que no querían que se perdiese ni un minuto de lección. Después, todas mis grandes emociones han tenido este ruído, de temblor de cristales y de saltar aros de hierro sobre granito. Un día que mi mirada se aventuró por su perfil, sorprendí sobre sus rodillas, y encima de los libros de estudio, envueltos en papel azul y sujetos con gomas, la cubierta amarilla de mi última obra «Playa», acabada de publicar. Mi vanidad quedó muy satisfecha con esto, y es que hasta entonces nuestra cita no pasaba de ser un fenómeno abstracto, que yo no definiera claramente, y desde aquel segundo se había establecido entre nosotros una comunicación más concreta. Ya teníamos un secreto.**

---

## INTERNACIA KONKURSO

Premio de 25 Dolaroj

La Esperanto-Asocio de Nov-Jerzio, loka filio de la tutlanda Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, donos premion de 25 usonaj dolaroj al la gajninto en la tutmonda konkurso pri skribita tezo:

***Kial la Unuigitaj Nacioj bezonas Esperanton?***

La premion gajnos tiu, kiu skribos la plej bonan leteron pri la supra temo. Leteroj devas esti ne pli longaj ol 500 vortoj, kaj devas esti ricevitaj en Usono antaŭ la 15-a de Septembro 1954. Sendu vian leteron al: Esperanto-Asocio de Nov-Jerzio, 448 South Orange Ave., Newark, N. J., U. S. A.

## ANONCETOJ

● Ĵus fondita pariza Esperanto-klubo kunvenas ĉiudimanĉe en la Arbaro de Boulogne, je la 14-a horo, proksime al la monumento dediĉita al Santos-Dumont (nigra ŝtonkoloneto, inter arboj, en la suda parto de la ekzercada kampo). Oni petas kunlaboron de eksterlandaj gekorespondantoj. Niaj aktivaĵoj estas ĉefe lernado kaj praktikado de Esperanto, internacia korespondado, plenaeraj ludoj, kanto, teatro, filatelaj interŝanĝoj ktp.; (kompreneble, nenia kotizo). Dum somero estus pli bone, antaŭ ol veni, interrilatiĝi kun S-ro Fournier, 37 rue Palestro, París II.

● La franca grupo de esperantistaj edukistoj intencas organizi, en la somero 1955, konkurson, kies premioj estos semajna restado ĉe fremlandano. Pro tio, ĝi deziras kolekti adresojn de esperantistoj, kiuj konsentus akcepti senpage, dum unu semajno, francan esperantiston. Kompreneble, oni havigos al la interesuloj adresojn de francaj esperantistoj, kiuj akceptos, dum unu semajno, hispanan esperantiston, ankaŭ senpage. Skribu al K-ino Klodja, Ecole de Rillé, Fougères, I. et V., Francujo.

● Ilustritaj poŝtkartoj «La Lokomotivestro» eldonitaj de S-ro Bruno Gahler, (24a) Glinde-Hamburg, Esperanto-Weg, Germanujo, pro danko al sia patro, kiu instigis lin antaŭ 30 jaroj lerni Esperanton, estos *senpage sendataj* al ĉiuj legantoj de BOLETIN (fervojistoj, kolektantoj kaj korespondemuloj) kiuj petos ilin. Sola devo estas *uzi* la kartojn, kaj ne konservi ilin kiel ceterajn kolektindaĵojn.

● Tri junaj germanaj katolikaj gesamideanoj (du 15-jaraj junuloj kaj unu 17-jara junulino) dez. korespondi kun pli malpli samaĝaj hispanaj geesperantistoj. Skribu al Pastro Jakob Bergweiler, Dekan, (22b) Lauterecken/Pfalz, Kath. Pfarramt., Germanujo.

● Deziras korespondi pri elektro- kaj radioteekniko kun samprofesiuloj en Nederlando, Svedujo kaj Germanujo, S-ro Francisco Barber Puigcerver, str. Santo Domingo, 32, Ondara, Alicante, Hispanujo.

## 39-a Universala Kongreso de Esperanto

**Poŝtfako, 140, Nederlando**
**31 Julio - 8 Aŭgusto 1954**

Laŭ la Oficiala Komuniko N-ro 7, jam aliĝis 2.000 kongresanoj, kio estas la limnombro. Oni ne plu akceptas pliajn aliĝojn. Espereble, ĉi tiu Kongreso havos grandan sukceson, almenaŭ pro la nombro da parto prenantoj. Ni deziras, ke ĝi ankaŭ adoptu gravajn decidojn por la tutmonda movado.

## Esperantista Ferio en Bela Svislando

La Popola Altlernejo de Bern disponigas al la esperantistaro sian komfortan kastelon Münchenwiler apud Murten por la aranĝo de Esperanta semajno de la 23-a ĝis la 29-a de Aŭgusto. Pri la organizo respondecas Svisa Esperanto-Societo. La programo antaŭvidas perfektigan kurson kaj prelegojn de la plej konataj svisaj esperantistoj, krome multajn ekskursojn. Petu la ilustritan prospekton ĉe: Svisa Espero, Hangweg, 57, Liebefeld-Bern.

## DONACOJ AL NIA BULTENO

**Antaŭa sumo 1.744 pesetoj.**

**M. Lloberas, 10 pesetoj. — F. Barber, 10.— M. Garriga, 10.—R. Gregori, 10.—N. Ullar, 20.— F. Alsina, 100.**

**Entute 1.904 pesetoj.**

### Donacoj por la Fondaĵo Montevideo

**Antaŭa sumo 220 pesetoj.**

**J. Gironés, 10 pesetoj.—D. Caballero, 3.— J. Castells, 2.—Centro Excursionista Puigcastellar, 5.-Esperanto-Grupo Sabadell, 500.-J. Guzmán 25**

**Entute 765 pesetoj**

***Koran dankon al ĉiuj donacintoj.***

● Francaj geesperantistoj aliĝintaj al internacia movado Pax Christi deziras korespondi kun hispanaj esperantistaj Pac-Kristanoj. Adreso: M. Gullon, 52, rue de Lorient, Rennes, Ille et Vilaine, Francujo. Indiku aĝon, profesion kaj emojn

● 25 lernantoj 18-28 jaraj de Esperanto-kurso en katolika lernejo deziras korespondi kun la tuta mondo. Skribu al Curso de Esperanto del Patronato de la Juventud Obrera, Landerer, 5, Valencia.

GRIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA